# LAMPIRO

54-a jaro N-ro 131 2013:2

## Ekspozicio: La Eta Princo



La 80-a Itala Kongreso

La 7-a Kongreso de Sanpaŭlo

Dudirekta vortoderivado

# 7a Esperanta Kongreso

de la Ŝtato Sanpaŭlo

## Feriejo Suarão - Itanhaém

**12 - 13 de oktobro 2013**

Av. Suarão, 3189
Itanhaém - Sanpaŭlo

**Realigo**




easp.org.br
(11)3862-1183

**Apogo**





Ekspozicio:
*La Eta Princo*

**LAMPIRO** *54-a jaro n-ro 131 2013:2*

**Organo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**

(Aperas trifoje dum la jaro)

**Ĉefredaktanto**: Francisco Stefano Wechsler
esperanto@fswechsler.com

**Grafikaranĝo**: Francisco S. Wechsler kaj José R. Tenorio

*La redaktanto ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*

# easp

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
Fondita en la 29a de marto 1937

PROPRA SIDEJO
Rua Faustolo, 124 - Água Branca
05041-000 São Paulo, SP - Brazilo
Telefono-faksilo: (11) 3862-1183
easp.org.br - contato@easp.org.br

**JARKOTIZO POR 2013**

| | |
|---|---|
| Simpla Membro | R$ 120,00 |
| Subtena Membro | R$ 240,00 |
| Ŝtatinterna Membro | R$ 60,00 |
| Aligita Grupano | R$ 36,00 |
| Aliĝinta Grupo | R$ 20,00 |



DEĴOROJ - Lunde: 12h - 16h; marde 10h - 18h; merkrede kaj ĵaŭde: 14h - 18h; vendrede: 13h -17h; sabate: 9-18h.

## ENHAVO

# Enkonduko

Estimataj gelegantoj:

Denove alvenis la oportuno kongresi. Prepariĝas la 7-a Esperanto-Kongreso de la Ŝtato Sanpaŭlo, ĉi-foje okazonta ĉe la feriejo Suarono, en la municipo Itanjaeno, la 12-an kaj 13-an de Oktobro. Nia unua artikolo prezentas plurajn detalojn pri la kongresejo kaj pri la aliĝprocedoj. Sendube tiu evento iom devojiĝos de la kutimaj kongresmodeloj, kaj ĝia malstreĉiga etoso certe bonefikos al ĉiuj.

Nia konata samideano Paulo Sergio Viana prezentas detalan raporton pri la antaŭnelonge okazinta 80-a Itala Kongreso de Esperanto. Leginte lian artikolon, vi, se ne partoprenis tiun kongreson, certe bedaŭros vian malĉeeston, ĉar ege riĉa je movadaĵoj kaj kulturaĵoj estis la evento.

Nia ĉefartikolo temas pri intervjuo kun kara samideano Benedicto Silva pri lia kolekto de ekzempleroj de la libro *La Eta Princo*, konsistanta el 194 tradukoj en pli ol 160 lingvoj kaj dialektoj. Vera mirindaĵo! Ĉi tiun kolekton oni prezentis en la pasinta 25-a de Majo, ĉe la sidejo de EASP. Benedicto parolas pri sia esperantista kariero kaj klarigas la kialojn kaj kielojn de tiu kolekto. Aparte notindas, ke dum la pasintaj du jaroj ĝi ege kreskis, danke al la Interreto.

Alian kongresan raporton, ĉi-foje pri la Universala Kongreso en Islando, prezentas s-ino Shigueco Takahashi. Krom partopreni la eventon, ŝi ankaŭ ekskursis al Gronlando kaj revene vojaĝis al Portugalujo. Ŝi prezentas plurajn kuriozajn detalojn pri tiuj du nordaj landoj.

Ĉu vi scias, kio estas ĉukbalo? Ne, vi ankoraŭ ne trovos ĉi tiun vorton en PIV. Temas pri relative nova sporto, kiu kombinas elementojn el tri tradiciaj pilkludoj, tiamaniere ke estas malpermesita interatleta kontakto. S-anino Francisca Calegari ricevis raporton pri ĉukbala pokalo el Instituto Zamenhof de Togolando, de kiu ŝi estas unu el la subtenantoj. La raporton verkis s-ano Koffi Doumegnon, loka organizanto.

Francisco S. Wechsler diskutas la tiel nomatan dudirektan derivadon en Esperanto, kiu okazas ne nur en la formado de landnomoj kaj popolnomoj, sed ankaŭ funkcias rilate la nomojn de profesioj kaj iloj, interalie. Tiajn detalojn oni malofte instruas ĉe Esperanto-kursoj — verŝajne por ne fortimigi lernantojn — sed ili ja konsistigas gravajn lingvomeĥanismojn.

Ĉi tiun numeron de *Lampiro* ni finas per du delikataj kaj lirikaj poemoj verkitaj de s-anino Hazel de São Francisco. Tiamaniere ni daŭrigas la aperadon de beletraĵoj en nia kara revuo.

Refoje ni esperas, ke vi ĝuos la enhavon kaj ankaŭ kontribuos al ĝi en venontaj numeroj.

Bonan legadon!

La ĉefredaktisto

# Suarono atendas vin Oktobre!

Imagu feriejon, en marborda urbeto, kun plurebloj da distraj aktivadoj surloke kaj situanta je nur 5-minuta piediro de invita plaĝo. Jen bonega scenejo por okazigo de kongreso, kies partoprenantoj, akompane de familianoj, povas kunĝui la kongreson kaj la feriejon. Tiu estas la propono de la 7-a Esperanta Kongreso de la Ŝtato Sanpaŭlo, kiu okazos en la feriejo Suarono, inter la tagoj 12-a kaj 13-a de Oktobro, 2013.



La kongresa gasturbo estas la turisma urbeto Itanjaeno, malproksima je ĉirkaŭ 110 km de la ĉefurbo Sanpaŭlo. En ĝia kvartalo Suarano troviĝas la samnoma feriejo, apartenanta al la bankoficistoj de Nossa Caixa (USCEESP), kiu plezure akceptis la proponon gastigi la ĉi-jaran kongreson de EASP.

La sugeston okazigi la kongreson en tia loko prezentis unu membro de la asocio, Carlos Jorge, kiu estas ano ankaŭ de USCEESP. La gvidantaro de EASP tuj ŝatis la ideon kunvenigi esperantistojn en tia medio. Kutime esperantaj aranĝoj ne estas sufiĉe allogaj por akompanantoj ankoraŭ ne parolantaj la lingvon. Sekve el tio, multaj familianoj de esperantistoj ne emas akompani kongresanojn. Male, en tia distrejo, kongresanoj povos trankvile ĝui siajn preferatajn programerojn, sciante, ke aliloke en la feriejo ankaŭ iliaj familianoj agrable ĝuas la lokon.

Sed ne nur familianoj volos ĝui la lokon. Certe ankaŭ la kongresanoj mem. Kaj tio estas la granda defio por la organizantoj de la evento, kiuj devas iom adapti la programon al la etoso de la feriejo kaj al la kongresa temo mem "Kongresumi: amuza afero".

Tiucele la kongresa programo enhavos malpli da prelegoj kaj pli da distraj eroj, kompletigotaj per interagaj aktivadoj. Konsistigos ankaŭ la programon kelkaj debataranĝoj kaj laŭtemaj laborgrupoj. Tiamaniere la aranĝo povos malfermiĝi al novaj spertoj, konservante tamen iom de sia kleriga etoso tiel aprezata de la partoprenantoj.

Venu kongresumi kaj feriumi kun ni oktobre en Suarono!

### Kotizoj

Plian fojon la kongresaj kotizoj restas simbolaj. La estraro de la asocio tiel decidis por helpi al tiuj dezirantaj venigi familianojn. La tarifo por akompanantoj validas por familianoj de membroj kaj de nemembroj.

| | |
|---|---|
| Membro de EASP | R$ 20,00 |
| Nemembro | R$ 30,00 |
| Akompananta familiano | R$ 15,00 |

Infanoj malpli ol 12-jaraj ne pagos kongresan kotizon.

## Loĝkostoj

La feriejo disponigas plurlitajn ĉambrojn. Entute estas pli ol 700 gastlokoj en la hotelo, el kiuj pli ol 100 jam estas rezervitaj de la asocio kun favora prezo por la kongresanoj. Aparte funkcios ankaŭ amasloĝejo. Kiuj alvenos sabaton matene, tiuj bezonos nur unu tranokton. Por tiuj, kiuj tamen preferos alveni pli frue, por ĝui la sabatan mateniĝon, la kongresa akceptado okazos vendrede (la 11-an de Oktobro) ekde la 4-a posttagmeze.



Jen la favoraj prezoj por loĝado en la feriejo:
Ĉambro: R$ 46,00 por unu tagnokto kaj por unu persono.
Amasloĝejo: R$ 30,00 por unu tagnokto kaj por unu persono.
Infanoj aĝantaj inter 5 kaj 12 jaroj pagos duonon de la loĝkotizo (R$ 23,00).

La amasloĝejo, kun loĝebleco por 28 kongresanoj, estas bona opcio por ŝparemuloj. Ĉiuj aliaj ĉambroj estas provizitaj per tri litoj kun gasto-kapablo por ĝis 6 personoj. Ne disponiĝos individua loĝejo. En ĉiu ĉambro dormos minimume du personoj.

La loĝkotizoj inkluzivas tre bazan matenmanĝon. Kiu deziros manĝi pli bone, tiu povos uzi sian konsumkarton en la apuda restoracia bufedo.

## Vizito-tarifo

Kongresanoj, kiuj volas partopreni en la evento nur dumtage (sabate kaj/aŭ dimanĉe), sen loĝado, devos pagi, krom la kongresa kotizo, ankaŭ tarifon de R$ 17,00 (validan por unu persono kaj por unu tago) por ĝuado de la feriejo.

Ne eblos partopreni sole nur en la kongreso. Indas ankaŭ ĝui la feriejon. Cetere, tiel invitas la kongresa temo mem "Kongresumi: amuza afero". Jen kial pagendos la kongresa kotizo kaj la vizito-tarifo (ne bezonata por tiuj, kiuj tagnoktos en la feriejo.

## Parkado

En la feriejo estas parkejo funkcianta sub jenaj kondiĉoj: unu aŭto por ĉiu apartamento kaj du aŭtoj por la amasloĝejo.

Tio signifas ke, se en unu apartamento gastos du aŭtoposedantoj, nur unu rajtos uzi la internan parkejon — laŭregule tiu, kiu unue faris la ĉambro-rezervon. Same pri la amasloĝejo: se en ĝi gastos pluraj aŭtoposedantoj, nur la du unuaj rezervintoj rajtos uzi la internan parkejon.

## Manĝado

Ĉiu kongresano ricevos konsumkarton por uzi en la restoracio, lunĉejo kaj drinkejo de la feriejo. Ĉe la plaĝo funkcias kiosko apartenanta al la feriejo. Ankaŭ tie la kongresanoj povos uzi sian konsumkarton.

Estas malpermesate venigi ion (manĝon aŭ trinkon) el ekstero por konsumi en la feriejo. Kutime la kosto por

manĝado kaj trinkado en la feriejo estas pli favora ol tiu ekstera, ĝuste por ke oni ne maltrankviliĝu pri tiaj bezonaĵoj.



Je la foriro, ĉiu kongresano sin prezentos en la akceptejo por pagi sian konsumkonton.

## Elektro-kurento

Atentu, portontoj de elektraparatoj: la surloka elektro-servo estas *220-volta*!

## Ekskurso

Partopreno en ekskurso al iu apuda vindindaĵo dependos de momentaj klimataj kondiĉoj kaj interesoj de kongresanoj, kiuj mem devos pagi la eventualajn kostojn.

## Veturado

Por atingi la feriejon per aŭto, stiristo povos orientiĝi per la alirmapo malantaŭ la frontkovrilo.

Por la omnibus-veturontoj: ĉe la metrostacio Ĵabakvaro ĉiun duonhoron ekiras veturilo direkte al Itanjaeno. Oni povos aĉeti biletojn de iro-reveno per la interreto. Por pliaj informoj, bonvolu viziti la retejon de la buskompanio *Breda* (`https://breda.bilheteweb.com.br`).

Atentu: tiu buso ne eniras en la centron de Suarono, sed nur preterpasas ĝin, laŭ la ĉefa aŭtovojo. Tial, ne forgesu atentigi la stiriston pri elbusiĝo ĉe la haltejo je km 320 de la aŭtovojo Padre Manoel da Nóbrega.

Elbusiĝinte, transiru la pasejon, super la aŭtovojo, kaj vin direktu al la ĉefa placo (orientiĝu per la preĝeja turo). La feriejo Suarono malproksimas je ĉirkaŭ 100m de la preĝejo Nia Sinjorino el Siono, situanta ankaŭ en la sama placo.

## Gasteco

Ĉar la uzo de la feriejo Suarono estas ekskluziva por ĝiaj anoj kaj ties invititoj, ĉiuj kongresanoj ĝuos la feriejon sub la gasteco de nia asociano Carlos Jorge, kiu akceptos nin de vendredo (ekde la 14-a horo) ĝis dimanĉo (je la 17-a horo).

Ekster tiu kongresa periodo bedaŭrinde ne eblos al iu ajn kongresano viziti kaj ĝui la feriejon, sen la ĉeeesto de nia gastinvitanto.

Dum la restado en la feriejo, se iu kongresano havos iun demandon pri la evento, tiu devos sin direkti al la kongresaj organizantoj, *ne* al la laboristoj de la feriejo.

Jam estas disponebla en la retejo de la asocio (`easp.org.br`) speciala paĝo pri la kongreso, kun retaliĝilo. Presita versio de la aliĝilo troviĝas ankaŭ ene de *Lampiro* kiel aparta kunsendaĵo.

Bonvolu atenti: *ne okazos aliĝo surloke!* Ĉiuj aliĝoj, mendoj kaj pagoj devos esti antaŭkongrese plenumitaj.

Se vi havas iun demandon pri la oktobra kongreso, la organizantoj plezure respondos ĝin. Skribu al la adreso de la asocio (vidu en la kolofono) aŭ sendu mesaĝon per la retadreso `contato@easp.org.br`.

# La 80-a Itala Kongreso de Esperanto

**Paulo Sergio Viana**



### 04-08-2013

Hodiaŭ malfermiĝis la 80-a Itala Kongreso de Esperanto, kun 230 partoprenantoj el 34 landoj(!). Kvar brazilanoj ĉeestas. La temo estas "Sin kompreni por sin respekti" kaj pri ĝi hodiaŭ brile festparoladis Humphrey Tonkin. La programo estas tre riĉa, kun seminarioj, kursoj, prelegoj kaj ekskursoj. La regiono, kie okazas la kongreso estas bela, kaj la gastiganta urbeto mem, Kastelaro, estas bela, antikva (kun mezepoka etoso) kaj kun nur 1500 enloĝantoj. Vere interesaj kaj allogaj estas la italaj kongresoj — iaspecaj miniaturaj universalaj kongresoj. La foto montras la malferman kunsidon. Salutis por Brazilo Rafael Zerbetto.

### 05-08-2013

Hodiaŭ la mateno estis tre instrua al grupeto, kiu sekvos seminarion pri eŭropa kulturo sub la gvido de Paul Gubbins. Ni komparis tradukojn el Heine kaj Shakespeare. Simpatiaj kaj interesataj homoj!

Hodiaŭ vespere sin prezentis la romantika kanzonisto Emanuelle Rovere (Manūel), kiu regalis la publikon per siaj tradukitaj kaj originalaj kantoj. Tre didaktike, li samtempte projekciigis sur ekranon la tekstojn, tiel ke la ĉeestantoj povis facile akompani, kompreni kaj eĉ kunkanti. Du brazilajn kanzonojn (de Toquinho kaj Roberto Carlos) li enmetis en sian repertuaron.

Ĝi estis agrabla vespero. Cetere, la italaj kongresoj ĉiuvespere proponas kanzonspektaklojn kun tre kompetentaj kanzonistoj en diversaj stiloj, el diversaj landoj.

### 06-08-2013

Hodiaŭ bonaj programeroj estis prelego de la tre klera kaj kleriga Humphrey

Tonkin pri Shakespeare kaj teatraĵo de Georgo Handzlik. La amuzan teatraĵon ludis la aŭtoro mem kun la serbo Saŝa Pilipoviĉ. Kurioze, ke en la fino de la dramo estis aludo al Brazilo, kie eksedzo fine trovas feliĉon en paradiza lando, post geedza malfeliĉo…

La kongreso entute proponas varian kaj interesan programon.

Marde la arta vespero restis sub la gvidado de Georgo Handzlik. Li denove prezentis teatraĵon kaj poste siajn amuzajn, satirajn kanzonojn akompane de gitaro.

La tutan merkredon okupos ekskursoj: al Ĝenovo aŭ al Nervja Valo, ĉiam kun ĉiĉerono kaj samtempa traduko fare de kompetenta Esperantisto. La kongresanoj entuziasme aliĝas. La ekskursoj estas ankaŭ taŭgaj momentoj por personaj interparoloj kaj amikiĝo — kaj kompreneble praktikado de nia lingvo.

## 07-08-2013

Hodiaŭ, merkrede, la kongreso dediĉis la tutan tagon al ekskursoj. Unu el ili venis al Ĝenovo. La matenon oni vizitis la lokan akvarion, poste oni tagmanĝis surstrate laŭ itala kutimo (vidu foton de gesamideanoj dum surstrata pikniko).



Posttagmeze ni longe piediris tra la historia parto de la urbo, kun ĉiĉeronado de kompetenta Esperantisto Ranieri Clerici. Ni rigardis multajn palacojn, artaĵojn, monumentojn, preĝejojn — Ĝenovo havas multajn stratojn kaj placojn, kiuj estas Unesko-kulturriĉaĵoj. Mirinde, ke oni preskaŭ ne menciis Kristoforon Kolumbon. Entute, la ekskurso estis tre riĉenhava.

Merkrede okazis internacia artprezentado, en kiu homoj el diversaj landoj prezentis kantojn, poemojn, sub reĝisorado de kanzonisto Manuel.

## 08-08-2013

Ĵaŭde posttagmeze profesia aktoro Christoph Frank prezentis preskaŭ duhoran pupteatran komedion “Munĥauzen — la vera proceso”. Altnivela prezento, dum kiu unu sola aktoro rolis per nekredeble multoblaj figuroj, per nekredeble multaj voĉoj. Ĝi certe estis pinta momento en la programo de la kongreso.

En la riĉa arta programo, ĵaŭde vespere prezentis sin bona kanzonistino Maria Grazia Barboni, kun sia gitaro. Ŝi ne parolas Esperanton, sed bonprononce kantis dek belajn kantojn de konata engaĝita poeto Fabrizio de André. Kaj ŝi finis per kantoj en la franca, hebrea kaj hispana — inter alie de Mercedes Sosa kaj Violeta Parra. Tre ĉarma koncerto, varme aplaŭdita.

## 09-08-2013

Hodiaŭ, vendrede, estas praktike la lasta kongresa tago, ĉar sabate okazos nur la oficiala fermo. Okazis do la lasta sesio de la seminario pri europa kulturo per Esperanto. Ĝi estis riĉenhava kvartaga sperto, sub tre kompetenta gvidado de bonhumora, klera Paul Gubbins - la redaktoro de revuo "Monato". Ĉiutage li proponis al grupeto da interesatoj tekstojn reprezentajn pri la eŭropa literaturo en du malsamaj tradukoj. La diskutoj estis interesaj kaj viglaj, kaj trafis diversajn aspektojn de la koncernaj tekstoj.

# Intervjuo pri la kolekto *La Eta Princo*

**Benedicto Silva**

*N.R.: La 25-an de Majo, estis prezentita ĉe la sidejo de AESP ekspozicio pri la multlingva librokolekto La Eta Princo, posedata de s-ano Benedicto Silva.*

**Unue, bonvolu rakonti al la legantoj de *Lampiro* iom pri vi mem, pri via vivo, pri via esperantisteco k.t.p.**

Mi naskiĝis en la urbo Cravinhos-SP, en 1927.

En 1940, prof. Oswaldo Arruda Stein, ĵus nomumita estro de la loka elementa lernejo *Grupo Escolar João Nogueira*, anoncis vesperan senpagan E-kurson. Mi tute ne povis vizitadi tiun kurson, sed unu el la lernantoj donacis al mi ekzempleron de *Primeiro Manual de Esperanto*, el kiu mi komencis memlerni la internacilingvon precize je la 14-a de Julio de tiu jaro… La kurso iel prosperis, sed tamen neniu el la asiduaj gelernantoj restis fidela al la idealo…

Mi ĝojas, ke, ekde mia esperantistiĝo, mi ne nur korespondis kun samideanoj de pluraj landoj de Oriento kaj Okcidento, sed ankaŭ povis ĝui la plezuran legadon de nenombreblaj verkoj de la internacia literaturo, pluraj el ili ankoraŭ ne tradukitaj en nian nacian lingvon, el kiuj elstaras *Kalevala*, la eminenta epopeo de la finnoj, *Nihon-gi aŭ Nihon-syoki* (Kroniko Japana), originale aperinta en la jaro 720, la kvar plej famaj romanoj de la Ĉina literaturo: *Tri Regnoj*, *Ĉe la Akvorando*, *Pilgrimo al la Okcidento* kaj *Ruĝdoma Sonĝo*, se ne paroli pri pluraj aliaj… kaj eĉ pri kelkaj infanliteraturaj verkoj de skandinavaj geaŭtoroj, kun la genia Astrid Lindgren ĉekape…

Siatempe, en la urboj Votuporanga, Santa Rita do Passa Quatro, Americana kaj Monte Aprazível, kie mi estis instruisto pri la Portugala kaj Latina lingvoj, mi provis disvastigi Esperanton, ĉu ĝin instruante, ĉu prelegante aŭ parolante pri ĝi, sed preskaŭ ĉiam sensukcese…

Mi tamen neniam laciĝis porti mian torĉon…

**Kiel kaj kiam naskiĝis la ideo kolekti ekzemplerojn de *La Eta Princo* en diversaj lingvoj? Kiam komenciĝis la kolektado?**

Mi ĉiam sentis grandan emon al kolektado. Komence, jam en la foraj tagoj de mia juneco, forte altiris min la filatelo, por citi nur unu el tiuj emoj… Kaj ĝi daŭras ĝis nun!

Tamen, en 1973, mi ne scias kial aŭ kiel, venis al mi en la kapon (kaj en la koron…), la forta deziro kolekti tiun ĉarman kaj sorĉan libreton de Exupéry… Deziro ne nur tiel forta, sed ankaŭ stranga, kaj eĉ mistera… La leganto taksu ĝin laŭ sia plaĉo aŭ bontrovo, laŭ sia koro… Mi mem tute ne kapablas detale klarigi kial mi elektis tiun libron, por kolekti laŭ la multnombraj lingvoj kaj dialektoj, en kiuj ĝi jam aperis kaj



ankoraŭ aperas kaj aperos en la tuta mondo.

Tiun libreton de Exupéry mi ŝatas, kaj amas, kiel miloj kaj miloj da homoj ĝin ŝatas kaj amas en la tuta mondo. Ĝiaj simplaj, kaj foje eĉ naivaj, mesaĝoj pri amo kaj dankemo profunde tuŝas min.

Tamen, en la tuta mondo multaj homoj estas tute indiferentaj al ĝi. Ie, en Brazilo, itala profesoro pri Estetiko, al kiu mi entuziasme montris ĵus ricevitan ekzempleron de *Il Piccolo Principe* en la traduko de Nini Bompiani Bregoli, reage diris al mi: — Stulta libreto…

Tiam mi ne komprenis lian reagon, kaj poste la Eta Princo mem klarigis ĝin per simpla kaj trafa… epizodo en nia libreto:

*Se vi diras al granduloj:*

*— Mi vidis belan domon el rozkoloraj brikoj kun geranioj ĉe la fenestroj kaj kolomboj sur la tegmento…, — ili ne sukcesas imagi al si tiun domon. Oni devas diri al ili:*

*— Mi vidis domon, kiu valoras cent mil frankojn.*

*Tiam ili ekkrias:*

*—Kiel bela ĝi estas!*

Tiaj ekzemploj pri saĝo en simplaj aferoj svarmas en la eta libro de Saint-Exupéry. Kaj certe tio estas la magia povo malsovaĝigi la homon:

*Vi fariĝas por ĉiam respondeca pri tio, kion vi malsovaĝigis.*

La fakto estas, ke en 1973 mi komencis mian kolekton de "Le Petit Prince".

**Kial vi elektis ĝuste tiun ĉi verkon por la kolekto?**

Unue, pro ĝia morala, eduka, homama enhavo, laŭ la simpla, foje eĉ naiva sentemo de puranima infano: la Eta Princo.

Due, pro tio, ke tiu ĉarma libreto de Saint-Exupéry konkeris la koron de ĉiuj homoj sur la vasta kaj stranga mondo, malgraŭ la plej diversaj kulturoj kaj idiosinkrazioj en kiu ajn hemisfero: la norda kaj la suda, en Oriento kaj en Okcidento. Sekve, mi ĉiam estis certa pri la ebleco ĝin ricevi el la plej nekonataj mondpartoj, en la plej kuriozaj interesaj lingvoj kaj dialektoj, precipe pro la grando de la libro, kies prezo kaj sendkosto ne fariĝas ŝarĝo por eksterlandaj amikoj kaj samideanoj, kiuj ĉiam montriĝis pretaj plenumi mian foje impertinentan peton… Al ili mi estas eterne danka.

**Kiel vi sukcesas akiri la ekzemplerojn? Ĉu per esperantistoj?**

Plurajn ekzemplerojn mi aĉetis. Tamen, plurfoje montriĝis malfacile aŭ neeble trovi mankantajn tradukojn en brazilaj librejoj, kaj ilin mi devis peti ĉefe al Delegitoj kaj Fakdelegitoj el la *Jarlibro* de UEA.

Al malavaraj sendintoj, kiuj neniam postulis monpagon, mi rekompence sendis ekzempleron de mia E-traduko

de *Iracema* de José de Alencar. Cetere, kiam mi mendis al samideanoj iun tradukon en ties respektiva lingvo aŭ dialekto, mi jam promesis al ili tiun libron. El Germanio, ekzemple, iu samideanino donacis al mi tradukojn en dek unu malnovaj dialektoj de tiu Lando! De iu mia ekslernanto, nun loĝanta en Germanio, mi donace ricevis tradukojn de *La Eta Princo* en ĉirkaŭ kvardek lingvoj kaj dialektoj el okcidentaj kaj orientaj landoj kaj insuloj! Estas malfacile imagi al si, kiom forte batis mia koro, kiam mi enmanigas ĉiun pakaĵon en la Poŝtoficejo, antaŭsentante, laŭ ties pezo kaj grando, ke en ĝi troviĝas unu aŭ pluraj tradukoj de *La Eta Princo*… El nur Japanio, mi jam ricevis de tiulandaj geesperantistoj la 15 tradukojn ĝis nun faritajn en la lingvon de tiu lando. Jes, mi ne troigas: en Japanio estas dek kvin tradukoj de *La Eta Princo*! Kaj danke al miaj niponaj samideanoj, mi jam havas tiujn dek kvin tradukojn sur mia bretaro!

**Kiom da lingvoj estas reprezentataj en la kolekto? Kiom da ili estas planitaj lingvoj?**




Kurioza fakto: Ĝis la jaro 2010 mi uzis poŝtajn paperleterojn por peti tradukojn de *Le Petit Prince* tra la mondo. Kompreneble, mia kolekto kreskis tre, eĉ tro lante… Plurfoje, la petita traduko atingis min nur 4-5 monatojn, aŭ pli, post mia peto. En tiu jaro (2010) mi decidis uzi interreton por sendi miajn petojn al gesamideanoj, kaj post ĉirkaŭ du jaroj, de tiam, mia kolekto triobliĝis! Mirinda salto! Nun ĝi konsistas el 194 tradukoj en pli ol 160 lingvoj kaj dialektoj. En kelkaj lingvoj, kiel, ekzemple, en la Portugala, Hispana, Angla k.a., estas pli ol unu traduko. Kiel mi jam diris ĉi-supre, nuntempe en Japanio ekzistas 15 tradukoj! En la Angla, mi pensas, estas pli ol dek!



Ĝis nun mi havas tradukojn en la jenaj planitaj lingvoj: Esperanto, Ido, Lojban, Vabungula kaj Lingwa de Planeta (tiu ĉi estas nur parta, ne kompleta).

**Krom plezuro, ĉu vi celas ion alian per la kolekto?**

Kompreneble, la kolekto mem ege kontentigas min, sed krom mia persona kontentiĝo, mi celas ĉefe montri al la mondo, ke per tiu simpla, ŝajne naiva libreto, la senmorta Franca verkisto Saint-Éxupéry kronis sian verkaron per la neerudiciaj, tamen saĝaj lecionoj fare de la Eta Princo.

Dum la lastaj 40 jaroj, per tiu samtempe amuza kolektado, mi sentis, ke la Eta Princo kondukis min al la plej malproksimaj landoj, insuloj, insularoj, vilaĝoj kaj montaroj de nia mondo, kie mi malkovris plej strangajn kaj kuriozajn homojn, lingvojn kaj dialektojn. Li eĉ

igis min vojaĝi malantaŭen en la tempo, por malkovri antikvajn kaj mortajn lingvojn. Mi gapis, kiam mi aŭskultis en la melodia voĉo de la blonda Eta Princo liajn frazojn en la majaa kaj majaa *kcqchikel*, gvarania, keĉua kaj toba lingvoj de amerikaj indianaj gentoj, kaj ankaŭ en la zulua, svahila kaj alura lingvoj en Afriko… En mia kolektado mi ne ĉesis konsciiĝi, ke mia Eta Princo, krom saĝulo, estas ankaŭ eminenta poligloto…

Por ĉio tio, mi dankas la Etan Princon por la aventuro kaj ĝojo, kiujn li okazigis al mi (kaj ankaŭ al mia karmemora edzino Maria Stella) dum la lastaj kvardek jaroj de nia vivo.

**Se vi deziras aldoni komentarion, bonvolu fari tion.**

Kiun komentarion mi povas aldoni al tiu ĉi… spontanea, sincera… korelverŝo? Nur tiun: ke ĝis la fatala 23-a de Marto de la pasinta jaro, mia karmemora edzino Maria Stella plenkore ĝojis, kaj ĝuis, kun mi, ĉe la ricevo de ĉiu nova eldono de "La Eta Princo"…

Kaj nun?…





…Kun la Fundamento ni devas esti tre singardaj; ĉar se ni ĝin rompos sen ia tre grava bezono kaj sen KOMUNA INTERKONSENTO, tiam la tuta lingvo ruiniĝos.

L. L. ZAMENHOF, 1911

# Esperanto en Islando — la 98-a UK

**Shigueco Takahasi**

Mi decidis pri tiu vojaĝo nur unu semanon antaŭ la ekiro, kiam s-ro Andrźej, esperantista samideano el Polujo, konfirmis la flugbileton al Rejkjaviko. Ĝi kostis multe, sed valoris ĉiun centonon. Mi flugis sola al Lisbono (Portugalujo), kie mi renkontis la brazilajn kunvojaĝontojn, kaj de tie ni flugis al Rejkjaviko, kun antaŭa halto en Kopenhago.




La somero en Rejkjaviko estis eltenebla, kun temperaturo inter 8° kaj 13°, sen la neceso de pezaj vestaĵoj.

El la esperantistoj, kiuj konsistigis la trasiberian karavanon, en 2012, ni renkontis la norvegon Herman, la francon Jean kaj la brazilanojn Liana, Zilda, Veronice kaj Lúcia Ribeiro. Forestis nur Aparecida, Vadim, Jeroem, Nina kaj Yurj.

La ĉi-jara UK, kun partoprenantoj el 57 landoj, prezentis unu rimarkindaĵon: s-ro Probal Dasgupta (Barato) transdonis la prezidantecon de Universala Esperanto-Asocio (UEA) al s-ro Mark Fettes (Kanado). Sincerajn dankojn al la foririnto kaj sukceson al la alvenanto.



Islando estas sorĉa lando kun interesaj lokoj por viziti. La plej neforgeseblan promenon ni faris al la ora cirklo, kie ni ĉeestis la lunleviĝon kaj sunsubiron okazantajn samtempe je la 23-a horo, laŭ la loka horzono. Ni ankaŭ surmetis unu piedon en Ameriko kaj la alian en Eŭropo. Tio same okazis pasintjare en Jekaterimburgo, Rusujo, kie ni restis kun unu piedo en Europo kaj la alia en Azio. En Islando oni estas bone servata per grashepataĵo kaj viandoj de baleno kaj fraterkulo.

Semajnfine ni veturis al Gronlando. Tiu ĉi insulo, kies ĉefurbo estas Nuko, apartenas al la Dana Reĝlando. Kulusuko estas la enirpordo de la lando per la orienta flanko. En tiu vilaĝeto ne estas aŭtoj kaj oni eniras ĝin nur per aviadilo. Vesto-lavejoj, necesejoj kaj banejoj estas komunuzaj servoj.

La virinoj skalpas kaj tinkturas la felojn de bestoj, kiujn ĉasis la viroj. Ni ĉeestis du kanto-prezentojn fare de lokano

— Flugo de Bestoj kaj Pariĝo. Tio estis la plej eksterordina parola folkloraĵo, kiun ni ĉeestis. Ni provis reveni per barko al la flughaveno, sed ni ne bone sukcesis. La vetero ŝanĝiĝis, la glaciejo ekfermiĝis kaj ni preskaŭ haltis meze de la glacimontoj. Ni ne perceptis, sed estas nekredebla la rapido per kiu la glacimontoj moviĝas.

Ni revenis en Islandon kaj la sekvan tagon ni flugis al Kopenhago, kie ni restis du tagojn. Ni promenis en la urbo. En la palaco Kronborg oni anoncis, por la 1-a ĝis la 10-a de Aŭgusto, retrorigardon pri Ŝekspiro, inkluzive de Hamleto, Reĝo Lear, Makbeto kaj aliaj. Ni bedaŭris ne povi ĉeesti, ĉar nia reveno al Brazilo jam estis programita. Subite, venis la rememoro pri Hamleto, Princo de Danujo, fine de la unua akto, kie oni diras: "Malbona io estas en Danujo".

Ni forlasis Danujon direkte al Lisbono. Tio estis kvazaŭ enhejmiĝo. Homa varmo, bonegaj manĝoj kaj vinoj, precipe paroli la portugalan!

Ni forflugis de Lisbono kaj revenis hejmen lacaj, feliĉaj kaj dankemaj, ĉar ĉio bone okazis sen iu akcidento aŭ interokazaĵo.

Ĝis la venonta en Bonaero!



Pli bona estas vorto afabla, ol kuko agrabla.

El *Proverbaro Esperanta*, de L. L. Zamenhof



**UNIVERSALA KONGRESO de ESPERANTO**

**Bonaero, 26 julio – 2 aŭgusto 2014**

**Korespondo-peto**

Anoj de la esperanta klubo *Verda Lumo*, en Santo Domingo (Kubo), deziras korespondi kun alilandanoj, inter kiuj brazilanoj. Leterojn bonvolu direkti al la prezidanto de la klubo:

José Luis Montes de Oca
Club de Esperanto "Verda Lumo"
Apartado Postal 10
Santo Domingo - Vila Clara
Cuba-53000

# Instituto Zamenhof gajnis sian unuan pokalon

**Koffi Doumegnon**

(Pri sporta aranĝo, en Afriko, kie Esperanto iel rolas. Sendita de Francisca Calegari, unu el la subtenantoj.)

La 6-an de Julio 2013, Togolanda Ĉukbala Federacio organizis unutagan festivalon de ĉukbalo[1] por naŭ lernejoj en



Togolando. Estis ses kluboj viraj kaj tri virinaj. La festivalo komenciĝis je la oka kaj duono kaj finiĝis ĉirkaŭ la dekkvina.

La malferman matĉon ludis la lernantoj de Instituto Zamenhof (IZo) kun tiuj de la lernejo "'Semence"'. Estas bedaŭrinde, ke vi ne propraokule spektis tiun ĉi matĉon por rimarki, kiel la lernantoj de IZo agrable surprizis ĉiujn spektantojn kaj instruis lecionon de ĉukbalo al ĉiuj aliaj teamoj. Indas noti, kiel pere de Esperanto, la lernantoj de IZo ĉiam okupas la unuajn rangojn.

Ok minutojn post la komenco de la matĉo, per krioj kaj Esperantaj kanzonoj, kiuj kuraĝigas la ludantojn, la lernantoj de IZo jam enpafis 15 golojn kontraŭ 0 por "Semence". Preskaŭ ĉiuj spektantoj, eĉ la subtenantoj de la teamo "Semence", ekkriis dirante: "kiaj brilaj kaj talentoplenaj lernantoj".

Dum la tuta festivalo, la lernantoj de IZo konfirmis, ke nuntempe ili estas la plej bonaj ludantoj ĉukbalmedie en la togolandaj lernejoj. Sen surprizo, la lernantoj de IZo en verdaj sportvestoj gajnis la unuan ĉukbalan pokalon por viroj. Bedaŭrinde IZo ne prezentis virinan teamon, kio helpis la virinan teamon de "Semence" gajni ankaŭ sian unuan ĉukbalan pokalon.

[1]Kolektiva sporto, kiu kombinas elementojn el manpilko, retpilko kaj eŭskpilko.



Eĉ ŝtono verdiĝas, se ĝi longe ne moviĝas.

El *Proverbaro Esperanta*, de L. L. Zamenhof

# Dudirekta derivado en Esperanto

**Francisco Stefano Wechsler**

Komencantoj — kaj eĉ progresintoj — ofte miskomprenas la meĥanismon por formado de landnomoj en Esperanto. Ĝi efektive entenas du derivdirektojn. En multaj okazoj, la deirpunkto estas popolnomo, kaj per ĉi tiu oni derivas la koncernan landnomon, almetante la sufikson *-uj-* aŭ la radikon *land-*. Ekzemple: *ruso* → *Rusujo*; *franco* → *Francujo*; *polo* → *Pollando*; *ĉino* → *Ĉinujo*.

En aliaj okazoj, la deirpunkto estas nomo de lando aŭ regiono, kaj per ĉi tiu oni derivas la koncernan nomon por ties enloĝantoj, almetante la sufikson *-an-*. Ekzemple: *Brazilo* → *brazilano*; *Afriko* → *afrikano*; *Irlando* → *irlandano*. Rimarku, ke en la ĉi-lasta ekzemplo, *land* estas parto de la radiko, ne almetaĵo!

Kvankam la sufikson *-uj-* oni ĉiam rajtas anstataŭigi per *land-* kaj inverse, tamen preferindas ne uzi *land-* por derivado de landnomo el popolnomo, por faciligi la lernadon kaj eviti eblajn konfuzojn, kiel en *Irlando*.

Multaj esperantistoj uzas *-i-* anstataŭ *-uj-*, kiel ekzemple en *Arabio*, *Anglio*, *Rusio*. Tia uzado, kvankam tolerata de la Akademio de Esperanto, certe ne estas laŭfundamenta. Diskuton pri *-i-* vi trovos en la libro *Rusoj loĝas en Rusujo* (`http://www.bonalingvo.org/docs/rusojenrusujo.pdf`).

Dudirekta derivado en Esperanto funkcias ne nur por formado de landnomoj aŭ popolnomoj, sed ankaŭ por pluraj kromaj celoj. Ekzemple, oni kutimas aserti al lernantoj, ke nomojn de iloj oni formas per almeto de la sufikso *-il-*: *tranĉi* → tranĉilo; *kombi* → *kombilo*; *direkti* → *direktilo*. Tiu ĉi procedo ŝajnas tiel natura al la lingvouzantoj, ke *komputilo*, derivita el *komputi*, venkis la antaŭe proponatajn *komputero* kaj *komputoro*. Sendube, sed oni memoru, ke ankaŭ la kontraŭo eblas: formi verbon per nomo de ilo: *martelo* → *marteli*; *broso* → *brosi*; *zipo* → *zipi*. Do ankaŭ ĉi tie temas pri dudirekta derivado.

Ankaŭ tre nature ŝajnas al la lingvouzantoj formi nomojn de profesioj surbaze de ĉi ties taskoj aŭ agoj, uzante la sufikson *-ist-*: *instrui* → *instruisto*; *juĝi* → *juĝisto*; *konduki* → *kondukisto*; *teniso* → *tenisisto*. Sed ofte ĝuste la nomo de profesio estas la deirpunkto: *ŝoforo* → *ŝofori*; *advokato* → *advokati*; *aktoro* → *aktori*. Krome, verŝajne surbaze de la 15-a regulo de la Fundamenta Gramatiko, oni oficialigis, kiel apartajn radikojn, nomojn de scifakoj kaj de iliaj respektivaj profesioj: *filozofio*, *filozofo*; *pedagogio*, *pedagogo*. Tiaj oficialigoj, ververe, kontraŭas la duan parton de la sama regulo, laŭ kiu preferindus *filozofiisto* kaj *pedagogiisto*, eĉ se iom pezaj.

Mi certas, ke vi leganto sukcesos trovi pliajn ekzemplojn kaj meĥanismojn de dudirekta derivado en nia lingvo. Ja ne temas pri harfendado. Esplorante kaj studante tiajn detalojn, vi nepre pliriĉigos vian lingvoscion.

# Du poemoj

**Hazel de São Francisco**

### Anĝeluso

Vesperiĝo...
Paŝtistoj ludas fluton
kamparanoj revenas el la kampo.
Dankemaj, dommastrinoj
salutas la finon de la tago.
Post la laborfino,
forgesita estas la dumtaga laciĝo.
Komtemplante la sunsubiron,
maljunuloj eldiras kortuŝan preĝon.

### Aŭtuno

Aliiĝo foliara
konturoj oranĝaj kaj ruĝaj
ruĝaj kaj brunaj
meze ankoraŭ verdas.
Kolormiksado.

Tagoj malpli longaj
La suno pli frue subiras.
Purpuraj nuboj
nuanciĝas per oranĝo.
Malrapide
la purpuro lilece forvelkas
apud la forta oranĝo
de la subiranta suno.

# Alirmapo de la kongresejo



# 49-a Brazila Kongreso de Esperanto

**Temo:**
**ESPERANTO, KIAL NE?**
**Disvastigado kaj Instruado de la Lingvo.**

*Tema:*
*ESPERANTO, POR QUE NÃO?*
*Divulgação e Ensino da Língua.*

**Dato: de la 24-a ĝis 28-a de januaro 2014**
**Florianópolis/SC**
**Loko: Hotel Castelmar**

**Inscrições/Aliĝoj:**
**http://esperanto.org.br/49bke**



| Organizantoj \| Organizadores | Apogo \| Apoio |
|---|---|
| | |




Caixa Postal nº 654 - Florianópolis - SC
CEP 88010-970
esperantoklubofloriánopolis@gmail.com



Brazila Esperanto-Ligo
http:esperanto.org.br
Brasília-DF







www.aikidosc.org.br

